# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.50 sv. fk

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.— sv. fk. minimume 10 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.20 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,25 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.20 sv. fk., 10 ekz. po 0.15 sv. fk., 25 ekz. po 0.12 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 5.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

[illegible]dreso[illegible]

H[illegible]o de Esp[illegible]o

H[illegible]em bei Köln (Germa[illegible])

Fako: **Verda Stelo.**

Redaktoro: Teo Jung

**Kunlaborantoj** en la tuta mondo.

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 3 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12 hisp. peseto, 0.11 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

**N-ro 11** — **Novembro** — **1928**


## Gravaj ŝanĝoj.

Kiel ni jam informis, en nia entrepreno okazos resp. jam okazis gravaj ŝanĝoj. La hodiaŭa numero de „Verda Stelo" estas la lasta numero presita en Horrem; la decembra numero estos jam presita en Köln kaj aperos je la 7-a de decembro aŭ kelkajn tagojn pli poste. Ĝi elvenos jam en la nova formato (kvarono de la nuna) sed kun 40 paĝoj.

Ni atentigas speciale pri la novaj kondiĉoj de abono. La kondiĉoj komunikitaj sur la titolo ne plu validos por 1929. Detala nova Tarifo estas aldonita al la hodiaŭa numero de „Verda Stelo" (por tiuj abonantoj, kiuj ĝin ne jam ricevis kune kun „Heroldo"). La abonprezo por 1929 estas senescepte unu svisa franko por la simpla, kaj 2.50 sv. fk. por la luksa eldono (sur pli bona papero kaj kun kovrilo). Abonante per agentejo aŭ librejo, aldonu 25% por perado! Kolektivaj abonoj ne plu ekzistos. Esperanto-grupoj ricevos laŭdezire unu senpagan jarabonon de la simpla eldono. Ili povos ricevi la luksan eldonon, pagante sv. fk. 1.50.

Nia presejo kaj niaj kontoroj troviĝas nun en Köln, Brüsseler Strasse 94; sed sufiĉas adresi: Heroldo de Esperanto, Fako: Verda Stelo, Köln, Germanlando.

## Tra la mondo.

**Kuraĝuloj kaj maltimuloj** ekzistas hodiaŭ, ili ekzistis en pasintaj tempoj, kaj ili ekzistados estonte. Ja nur „al la kuraĝulo apartenas la mondo!" diras la proverbo.

Oni tamen ne intermiksu kuraĝon kaj maltimon **kun** facilanimeco. Certe, ankaŭ iom da facilanimeco kelkfoje ne malutilas; sed ĝenerale estas pli bone, agi prudente kaj kuraĝe, ol agi kuraĝe kaj facilanime.

Oni eble ne povas diri, ke Lindbergh kaj Chamberlin agis facilanime, kaj oni ankaŭ ne povas tion diri pri Köhl kaj Eckener; sed la entrepreno de la germana kapitano Romer kaj tiu de la angla aviadisto MacDonald certe estis facilanimaj, kvankam oni ne rifuzos admiron al ilia kuraĝo; kaj sekve de sia facilanimeco ili restis sur la oceano kaj ne revidis sian hejmon.

Kompareblaj kun la kuraĝuloj de hodiaŭ certe estas la maltima mondĉirkaŭvelinto **James Cook**, kies 200-jaran naskiĝtagan datrevenon oni festis la 27-an de oktobro. Li estis angla kapitano-ŝipestro. Lia ĉefa merito estas la esplorado de la Pacifika oceano. Inter alio, li trovis la marpasejon kaj la arkipelagon nomitajn laŭ li kaj la Sandwich-insulojn. Dum sia tria mondvojaĝo, en la jaro 1779, li estis sur la insulo Hawai mortigata de indiĝenoj.

La bone sukcesinta **vojaĝo** de la aerŝipo **„Graf Zeppelin" el Germanujo Usonon** montras al ni la mirigan progreson de la moderna tekniko. Ĝi estis vera triumfa vojaĝo kaj pruvis la eblecon uzi la aerŝipon por transoceanaj pasaĝeraj vojaĝoj. Tamen kelkfoje la moderna tekniko fiaskas. Tian fiaskon ni vidis ĉe la lastatempaj **domfalaj katastrofoj** en Praha, Vincennes kaj aliloke.

En **Esperantujo** rekomenciĝis la vigla vintro-sezona vivo. Oni rimarkas tion tre bone pro la pliampleksiĝanta rubriko „Kroniko" en diversaj Esperanto-gazetoj, precipe en „Heroldo de Esperanto", ankaŭ pro la denove plimultiĝantaj anoncetoj de korespondemuloj kaj interŝanĝemuloj en niaj ĉefaj organoj. **„Heroldo de Esperanto"** cetere aperas **depost novembro nunjara** en **Köln**, same kiel „Verda Stelo", kaj ĉiu numero de tiu ĉi **semajna** ĵurnalo havas nun amplekson de 8—10 grandformataj paĝoj kun multaj interesaj artikoloj, literaturaĵoj kaj aktualaj ilustraĵoj el la tuta mondo kaj la Esperanto-movado. Per tiu ĉi pligrandiĝo kaj pliinteresiĝo „Heroldo" atingis resp. ankoraŭ atingos eble la plej altan gradon entute atingeblan nuntempe de Esperanto-ĵurnalo.

La nove elektita Prezidanto de la Internacia Centra Komitato (ICK) de la Esperanto-Movado, s-ro **John Merchant,** jus publikigis **alvokon** al la tutmonda esperantistaro, en kiu li ĝin petas je subteno en lia malfacila tasko kaj je harmonia kaj disciplina kunlaboro. Tiun ĉi alvokon enhavas ankaŭ „Heroldo de Esperanto" de 26. 10. 1928.

Ni volonte esperas kaj fidas, ke s-ro Merchant bonsukcesu en sia transprenita nefacila ofico kaj ke sub lia prezidanteco Esperanto plu floru kaj disvastiĝu! Ĉiu aldonu la sian. Observanto.

## La „gloro" de la milito.

La Mondjunulara Ligo disponigis al ni la sekvantan artikolon, kiu devenas de angla frontbatalinto kaj estis publikigita en la gazeto „No more war" (Neniam plu milito):

Imagu tiun ĉi bildon: Ĉe la kurbiĝo de interrilatiga tranĉeo (militfoso), ie en Francujo, troviĝas la finiĝo de profunda tranĉea aperturo, kiu preskaŭ vertikale malsupreniĝas. Sur la glitiga balustrado ĉe la maldekstra flanko oni vidas la ĉifonojn de malpura Kakiuniformo, eliĝanta el la ŝlimo. Oni rigardu pli proksimen: jes, tio estas homaj, dise kuŝantaj ostoj, kaj putra karno intermiksita kun malpuraĵo. La malbonodoro tute malsanigas vin. Mezen de tiu ĉi putranta maso oni enbatis lignan tabulon kun la mallonga presita surskribo: „Ekster uzado!" Celata estas la tranĉea aperturo, sed ne la filo de la patrino, por kiu la armeo de la majesteco ne havas plu uzadon.

Neniam pli ol en tiu ĉi momento mi bedaŭris, ke la armeaj preskriboj malpermesis porti kun si fotografilon. Mi pensis tiam (kaj eĉ nun pensas), se tiu ĉi bildo tute tiel, kiel mi mem ĝin vidis, estus montrata al la patrinoj de la mondo, ĝi sola sufiĉus por finigi ĉian militadon. Ĝi faris sur min impreson, kiun neniu tempo iam estingos.

Ankoraŭ rigardon al sekvanta sceno: Londona fiakristo, eldoneja komizo, ministo el Durham, juna jurnalisto — ĉiuj en laŭtempa „Kaki", staras ĉe la fronto, en la plej antaŭa linio de la antaŭpozicio ĉe Ypres. Peĉonigra nokto, senindulĝe fluanta pluvo kaj de tempo al tempo ekfulmantaj lumkugloj, kiuj malkovras lagon da ŝlimo, vicojn da drataĵo kaj dishakitaj arbotrunkoj, rigide etendiĝantaj en la fantoman iluminadon —; kaj ĉie terura ruinaĵo da kadavroj morditaj de ratoj, da rustiĝintaj pafiloj, marmeladaj skatoloj kaj ekipaj objektoj — kaj la sama nepriskribebla malbonodoro.

Grenadoj kaj pluvo breĉigis nian digon kaj, armite de ŝoveliloj, metinte la pafilojn transverse trans la ŝultron super la ŝlimumitajn redingotojn, ni plenigas sablosakojn por ripari la domaĝon. Unu malferme tenas la sakon, dum la aliaj enŝovelas la sterkajon. La ŝlimo estas tiel malmola, ke ĝi ne liberiĝas de sur la ŝoveliloj kaj devas esti per la mano forskrapata en la sakon.

Flustras la fiakristo, malgranda vera Londonano: „Mi dezirus scii, kiom da sablosakoj jam malplenigis mia malnova lerneja kamarado, Duggy Haig! Mi jam enŝovelis duonan Belgujon. Tenu, kamarado, ke ni enŝovelu ankoraŭ la alian duonon!"

Subite unu el la fantomaj figuroj mallaŭte rimarkigas: „Halo, kio estas tio?" Mi jen havis manplenon da bulaĵo. Argilo ĝi ne povas esti en tiu ĉi tero." — Ekfulmanta raketo klarigas la enigmon: estas pecoj da putranta karno. Ili estas kunŝtopataj en la sakon por helpi fari digon.

Dum kelkaj jaroj pli frue kelkiu patrino en Anglujo kun fiero naskis filon, por ke li fariĝu utila membro de l' socio. Ŝi kaj la patro oferis siajn plej bonajn tagojn por kreskigi lin brava junulo kaj esperis por li brilan estontecon.

Por kio ĝi servis nun? Ĉu la patrinoj kontentiĝas naski knabojn je tia destino? Ĉu ni rajtas grumbli kontraŭ la „volo de Dio"? Ĉu tiu ĉi milito estis neevitebla? — Dependas de tio, ĉu ni estas liberaj viroj kaj virinoj aŭ nur sendefendaj dratpupoj de l' sorto!

Mia devo ne permesas al mi indulgi vin. Jetu kun mi rigardon al tri bildoj, kiujn ni renkontis, kiam ni prepariĝis por atako ĉe Ginchy:

Maso da koaglinta sango, en la mezo detranĉita mano — jen ĉio kio restis de anglo, kiu antaŭ kelkaj minutoj ankoraŭ brave ridetis . . . ĝis venis la sibla grenado.

Grenada truo. En ĝi du senvivaj figuroj — unu en skota jupo, alia en germana grizvesto. La bajoneto de ĉiu de ili troviĝas en la korpo de la alia.

Iom pli malproksime — alia grenada truo. En ĝi ankaŭ du mortintoj, unu en angla grizbruno, alia en germana grizo. Ili kuŝas flanko apud flanko, turninte la vizaĝon al la ĉielo kaj kaptinte unu la manojn de la alia: fratoj en mortagonio, ambaŭ — viktimoj de kruela malamo, kiu ne estas ilia propra. La malamantoj sidas en tiu ĉi momento verŝajne en oportuna klubseĝo en Londono kaj Berlino. — —

Sed, kiom ĉi-ĉio koncernas vin kaj min, je ĉi tiu loko kaj en tiu ĉi momento? **Ĉiom!**

Ĉu vere vi kredas ke sufiĉas funebre memori pri tiuj karuloj, kiuj fariĝis viktimoj de la milito? Kaj la ceteran lasi al Dio kaj sinjoro Austen Chamberlain? — Nu, vi eble respondas, ni ne volas plu militon, se ni povos malhelpi ĝin; sed la Ligo de Nacioj ja faras laŭpove por kontraŭlabori ĝin.

Haltu! — kaj pripensu nur unu momenton, se entute vi havas ideon pri devo! Ne sufiĉas esperi ke iutage ĉia milito malebliĝos sed intertempe fidi je Dio kaj teni seka nian pulvon. Vi kaj mi, kiuj hazarde estis permesitaj daŭrigi la vivon, ŝuldas al tiuj mortintaj kaj al tiuj jus naskiĝantaj seriozan taskon. La taskon, finigi ĉian militon, ĉiapreze, kaj nun — por ĉiuj tempoj.

Kiamaniere tio okazu?

Ne sufiĉas fidi je la Ligo de Nacioj. En la kriza momento ĝi eble malfunkcios.

Ne sufiĉas kredi je kontraktoj. Ili estos en estonteco eble rompataj same, kiel tio okazis en la pasinteco.

Ne sufiĉas lasi la estontecon de l' homaro al la registaroj kaj ŝtatuloj. Ili povos trompi nin.

Vi kaj mi, ni devas ĉiu fidi je la sola persono, kiun ni povas vere kontroli — vi je vi, kaj mi je mi. Kaj ni devas kontribui la nian por konservi la junularon, Britujon kaj la civilizacion. Ankaŭ ne sufiĉas ke la nacioj volas per kontraktoj anatemi la militon. Oni jam aŭdis ion pri „ĉifono da papero". La milito devas esti anatemata per persona laboro de ĉiu unuopa, al kiu ajn nacio li apartenas.

Ni devas fari pli multon ol nur diri: La milito estas krimo kontraŭ la humaneco, kaj neniam plu mia lando devas rifuĝi al tia rimedo! Se konvenos al la pintoj de la registaroj kaj ili scios ke, se la milito jam estas deklarita, ni jam faros „nian malmulton" — venos milito kaj pereos civilizacio. Ni devas nun deklari kaj devas sciigi nian decidon al la registaroj, ke neniam ni subtenos aŭ partoprenos tian sensencan bestan frenezaĵon, kia estas la milito.

Se sufiĉe da volfortaj viroj kaj virinoj diros: Neniam plu milito! kaj se ili ĝin opinios en tiu ĉi senco, tiam estos antaŭvidebla la fino de la militoj, kaj nia tasko proksimiĝos al la plenumiĝo.

## Nuntempaj mirakloj.

(Represo el „Heroldo de Esperanto" de 19. 10. 1928.)

Ĉu tio ne estas mirakla? Mi sidas oportune en mia apogseĝo, en la eta rejnlanda vilaĝo. Estas malfrua vespero. Ekstere malvarmas — aŭtuno jam —, sed la forno plenigas mian ĉambron per agrabla temperaturo. Kaj la malgranda sorĉa kesteto en la angulo de mia ĉambro transdonas al mi sonojn produktatajn je miloj kaj miloj da mejloj for de ĉi tie. Nun tio estas la strangaritmaj tonoj de ĵaz-muziko; sed antaŭ kelkaj minutoj tio estis la interparolado, kiun du homaj voĉoj telefone havis inter Novjorko kaj Lakehurst en la malproksima, malproksima Ameriko. Eĉ la rapideganta suno bezonas duontagon por venki la vojon inter nia Malnova kaj la Nova Mondo. Sed la nevideblaj ondoj kuregas multe pli rapide, en ereto de sekundo ili ĉeestas ĉe mia sorĉa kesteto. Vere, **moderna miraklo — la Radio!**

Kaj pri kio estis la parolo? Pri alveno de alia miraklo de l' moderna scienco kaj tekniko super la metropolo de la Nova Mondo — vi ĉiuj scias, kion mi celas: dum la lastaj tagoj la gazetaro de la kvin kontinentoj estis plena de ĝi — la **alia moderna miraklo** estas **„Graf Zeppelin"** (L. Z. 127), la nova germana aerŝipo, kiu per sia jus plenumiĝanta vojaĝo unuafoje provis kaj pruvis la eblecon de paca transatlantika pasaĝera servo.

Certe, tiu ĉi unua prova veturado ankoraŭ ne funkciis tute laŭdezire kaj laŭplane. Por eviti malfavorajn ventojn, „Graf Zeppelin" estis devigita fari grandan devojiĝon; krome la ŝipo suferis gravan difekton. Per tiu ĉi cirkonstancoj la alveno prokrastiĝis almenaŭ je unu tuta tago. Tamen la veturo de „Graf Zeppelin" estis grandioza kuraĝa kultura faro, servanta al la paca interproksimiĝo de la nacioj, ne nur laŭkorpe sed ankaŭ laŭspirite kaj eĉ laŭkore.

La miraklo estas daŭranta. Schenectady sendas, Stuttgart ricevas mallongonde de Schenectady, Köln ricevas longonde de Stuttgart, de Köln ricevas mia sorĉa kesteto en la angulo de l' ĉambro . . . kaj mi sidas en mia apogseĝo antaŭ mia skribotablo, aŭskultas kaj raportas . . . Kaj tie malproksime, en Ameriko, la majesta aerŝipo estas triumfe finanta sian veturadon, tie la homoj nun entuziasme salutas ĝin kaj ĝian antaŭeneman gvidanton, D-ron Eckener, ĝian bravan ŝipanaron kaj ankaŭ la kuraĝajn pasaĝerojn, kiuj fideme sin konfidis al la ankoraŭ ne tre multe elprovita veturilo.

Estas ĉ. 23.45 h. laŭ mezeŭropa tempo. Delonge ĉesis la ĵaz-muziko. El mia kesteto alsonas min obtuzaj voĉoj; kvankam enigmaj ĝenerale, kelkfoje iu vorto kompreneble trapenetras, kaj tiamaniere oni tamen scias proksimume kio estas okazanta: „Graf Zeppelin“ alvenis en Lakehurst kaj feliĉe alteriĝas en la komenciĝanta vespero (kvankam ĉe ni en Eŭropo estas preskaŭ jam noktomeze, en Usono ĵus komenciĝas la vespero).

Nun la parolisto de l' Sudgermana Radio parolas kelkajn klarigojn vortojn; sekvas la parolisto de l' Okcidentgermana, kiu eldiras koran gratulon al la bravaj sukcesintoj; la orkestro de l' Okcidentgermana Radio ludas la germanan himnon . . .

Kaj denove Schenectady.

La pasaĝeroj jam forlasis la ŝipon kaj pasas tra la dogano — ĉiuj alvenis sanaj kaj sendifektaj post la 111-hora traaera vojaĝado, ankaŭ la kanaria birdeto, kiun oni kunportis kiel „talismanon“.

Refoje parolas Stuttgart, kaj poste refoje Köln, kaj — „bonan nokton!“

Ĉu estis vero, ĉu jam sonĝo?

Homa spirito, homa entreprenemo denove triumfis super la elementoj. Ni vivas tamen en vivinda epoko. Malgraŭ milito, malgraŭ ŝovinismo, malgraŭ ekonomiaj krizoj kaj malgraŭ klasbatalo. La homa spirito triumfas. Bona omeno por ni, pioniroj de lingvo internacia. Kion oni diris pri grafo Zeppelin, dum li vivis? Ke li estas revulo, fantaziulo . . . „la aliena grafo“ oni lin titolis. Kaj hodiaŭ? Estas **lia** ideo, kiu venkis, — estas **lia** genio, kiu triumfis. Hodiaŭ jubilas entuziasme centmiloj kaj milionoj — ĉiuj kiuj korpe ĉeestis la kulturhistorian okazaĵon, ĉiuj kiuj spirite ĝin ĉeestis, ĉu legante la raportojn en la gazetaro ĉu sidante apud sia sorĉa kesteto kaj propraorele aŭskultante la parolatajn raportojn rekte el la transatlantika kontinento.

Ĉu ne estis precize antaŭ kvar jaroj, eĉ je la sama tago: la 15-a de oktobro, kiam en Lakehurst alteriĝis alia „zepelino“ — la dua aerŝipo, kiu transversis la oceanon? Jes, estis la 15-an de oktobro 1924, kiam „Z. R. III“ plenumis sian vojaĝon al Usono por restadi tie kiel **milita** aerŝipo! Sed la nuna jam ne servas por militaj celoj, „Graf Zeppelin“ (L. Z. 127) servos nur por la **paca** transportado de pacaj pasaĝeroj.

Marŝas la ideo de **grafo Zeppelin**, kaj same jam ekmarŝas la ideo de nia majstro **D-ro Zamenhof.** Estu al ni modelo „la aliena grafo“! Ĉu ekzistas ankoraŭ homoj, kiuj mokas nin, pionirojn de la ideo de lingvo internacia? Moku ili, tiom pli firme ni mem estas konvinkitaj pri **nia** venko, pri **nia** triumfo, kiu ne mankos veni . . . je **sia** tempo!

T. J.



**La fino de kuraĝulo.**

La tragedia fino de la mondfama esploristo James Cook, kies 200-an naskiĝotagon oni festis antaŭ nelonge, laŭ la bildo de liatempa pentristo: James Cook atakata kaj mortigata de indiĝenoj sur la insulo Hawai.




## „Guy Fawkes“-Tago en Anglujo.

### Karnavala Festovespero.

Venas la 5-a de novembro, tago delonge ĝoje atendita de la infanaro de Anglujo.

La angloj kutime ne festas karnavale okaze de iu nacia datrevena tago, kun escepto de la „Guy Fawkes“-Tago (elp. gaj foks), kiam oni tutlande forĵetas la ordinaran sindetenemon kaj eniras la gajecon de la karnavala spirito. Kvankam okazas de tempo al tempo karnavalaj semajnoj en diversaj urboj, ĉi tiu estas la sola ĝenerala, tutlanda festotago.

En tiu tago, aŭ pli ĝuste vespero, oni festas la datrevenon de l' eltrovo de la komploto pulve detrui la parlamentan domon en la jaro 1605. En tiu jaro, je la 5-a de novembro, kelkaj rom-katolikaj komplotantoj penis detrui la konstruaĵon, kiam la registaro kaj la reĝo kunvenis en la Ĉambro de Nobeloj. Sed iu ensekretigito perfidis la komploton al amiko, unu el la nobeloj; kaj soldatoj eniris la kelon, kie ili trovis Guy Fawkes meze de 35 bareloj da pulvo, kun torĉo enmane preta eksplodigi la barelojn. Li estis arestata kaj poste senkapigata.

Poste, tra la jarcentoj, en la tuta lando oni faris festotagon ĉe la datreveno de la okazo.

Multajn tagojn antaŭ la 5-a videbliĝas en la butikoj multspecaj piroteknikaĵoj, kiuj estas aĉetataj por distri la infanojn en la vespero; kaj la infanoj okupiĝas kolekti provizojn da fajromaterialo kaj faras figuraĉojn, kiel imagojn de „Guy Fawkes“.

La kutima maniero festi la vesperon estas porti tra la urbo procesie la figuraĉon de la „Guy“ faritan el malnovaj vestoj, pajloremburitan kaj ofte piroteknike plenigitan. Kun torĉoj kaj granda bruo de tamburoj, fajfiloj ktp. la procesiantoj, el kiuj multaj infanoj portas maskojn, finfine atingas elektitan lokon, kie jam estas pretigita festofajro, sur kiun ili metas la mokhomon. Tiam oni bruligas ĝin kaj ĉirkaŭstaras, rigardante la flamojn kaj figuraĉon, ĝis tiu brulas kaj eksplodas pro la enhavataj pulvaĵoj.

Dume, en multaj ĝardenoj familiestro amuzas la infanojn — kaj sin mem — per malgrandaj piroteknikaĵoj, fajroradoj, koloraj flamoj, kanono ktp., kaj en la ĉielon leviĝas flamoj de multaj festofajroj, kaj multspecaj stelraketoj disĵetiĝas supren.

Finfine la fajroj forbrulas. La flamlumoj velkas ĝis estingiĝo, kaj la grupoj da festintoj hejmeniras post ekscita vespero libera de la kutimaj kondutaj ordinaraĵoj kaj ĝuita de ĉiu — kun escepto, estas timate, de la policanoj kaj fajrobrigadanoj, al kiuj prezentiĝas la ebleco de estigo de brulo pro nezorgemo de la gajaj partoprenantoj.

E. D. D.

# La hommanĝanta birdo.

Novzelanda fabelo.

Rakontita de E. Mackay.

Jen rakonto pri mita insulo, kiu apartenis al la pereinta lando Hawaiki, kie naskiĝis la Maori'a raso.

Sur tiu insulo, kies nomon oni jam delonge forgesis, vivadis la Gento de Amo, kiu loĝadis en du vilaĝoj, po unu je ĉiu ekstremaĵo de la insulo.

Maltrankviligante ilian pacon kaj feliĉon, alvenis terura monstro, kiu havis birdajn flugilojn, plumojn kaj bekon. Ĝi estis dek futojn alta sur siaj piedoj, kaj ĝi konstruis sian kuŝejon same facile en tero aŭ en maro aŭ en aero. Tiu eksterordinara kreitaĵo, volante ripozi post multe da vagado, komencis loĝi en kaverno proksima al vilaĝo de la Gento de Amo, kaj antaŭ nelonge konstatis, ke estas pli facile kapti homojn surtere ol fiŝojn enmare.

Kiam la virinoj foriris sur la ŝlimebenaĵojn por kolekti moluskojn, la sovaĝa birdo ĉiam povis plenigi sian kropon. Kiam la viroj aliris la kreskaĵejojn por kulturi siajn rikoltojn, la monstro facile havigis al si grandan manĝon. Tial la vilaĝanoj restis dumtage en sia »pa« (fortikigita vilaĝo de l' maorioj) kaj kuraĝis eliri nur dumnokte; sed malsatiĝinte, la hommanĝanta birdo ofte aliris la pa'on dum la plena taglumo kaj rabis virinon aŭ grasetan knabon el interne de la palisaro. Kelkfoje ĝi eĉ traŝovis sian kapon tra la pajlotegmento de la granda dormejo, kie kolektiĝis pro timo la vilaĝanoj, kaj per sia bekego kaptis viktimon kaj forflugis. Fine nur du homoj troviĝis ankoraŭ en la vilaĝo — maljunulino nomita Kiua kaj ŝia filino Harorangi, kaj ili saviĝis nur, ĉar ili forkuris el la pa'o kaj rifuĝis en kaverno, kies enirejo estis tro mallarĝa, por ke la monstra birdo povu enpenetri. Tie ili vivis malfeliĉege, elirante dumnokte por serĉi nutraĵon, kaj mallume loĝante dumtage, ĝis ili fariĝis nokt-estaĵoj kaj neniam vidis la sunon.

Post iom da tempo Jado, la estro de la alia pa'o, venis kun kunuloj en kanoto por amike viziti siajn parencojn. Alveninte en ilia hejmo, li trovis ĝin forlasita kaj malplena. Komence li pensis, ke ili foriris al alia insulo; sed, jen! iliaj kanotoj troviĝis sur la tero. Veturinte laŭlonge de la marbordo, ĝis li atingis la kavernon, en kiu sin kaŝis Harorangi kaj ŝia patrino, li rimarkis amason da moluskaj ŝeloj apud la enirejo kaj ekkriis: „Kiu estas en tiu ĉi kaverno? Elvenu! Mi volas paroli kun vi. Estas mi, Jado, la estro de la Gento de Amo!“

Tiam, ĉiam vokante, dum li antaŭeniris, la estro eniris. Baldaŭ li aŭdis ploradon el la kavaĵoj de la kaverno, kaj li ekkriis: „Kiu estas tie? Jen mi, Jado! Kiom da homoj ĉeestas?“

La du virinoj venis antaŭen, plorante, kaj en la mallumo ili kaptis lian manon kaj sin premis al li por serĉi protekton ĉe li.

Baldaŭ ili klarigis la aferon kaj rakontis, kiel la monstro forportis kaj manĝis ĉiujn iliajn vilaĝanojn.

„Kie loĝas tiu kreitaĵo?“ demandis la estro.

„Ĉirkaŭe unu mejlon de ĉi tie,“ respondis la maljunulino, „en kaverno aliflanke de la insula ekstremaĵo.“

„Vi estas tro proksime al ĝi,“ diris Jado, „venu al mia pa'o!“

„Ne, ne,“ ŝi rediris. „Kion tio utilus? Kiam la monstro sciiĝos, ke ni foriris, ĝi esploros la tutan insulon kaj, kiam ĝi trovos vian pa'on, ĝi traktos ĝin same kiel la nian, kaj tiam la tuta Gento de Amo estus formanĝata.“

„Nu, kion vi proponas?“ demandis la estro.

„Mi tion diros al vi,“ respondis ŝi, „reiru al via pa'o kaj kolektu ĉiujn viajn junulojn! Kurigu ilin sur la montetojn, trans tri vicojn kaj returne, kaj elektu el ili por mi la plej bonajn kurantojn. Venigu ilin kaj vian tutan bravularon, kaj mi montros al vi, kiel mortigi la monstron.“

Jado do iris returne al siaj kunuloj ekster la kaverno kaj, enirinte sian kanoton, ordonis padeli hejmen.

La sekvintan tagon okazis la eksterordinara konkurskurado. Venkinto estis Honga kaj la dua estis Tutu — du bonegaj junaj bravuloj, belaspektaj en sia vireca florado kaj fortaj.

Kiam Jado kun siaj homoj venis antaŭ la kavernon de la maljunulino, kaj ŝia filino eliris kaj, kunfrotinte sian nazon kun tiuj de ĉiuj siaj parencoj, laŭ maoria salutkutimo, ŝi klarigis sian planon.

„Kie estas la du plej rapidaj kurantoj?“ ŝi demandis.

„Jen ili!“ respondis Jado, kaj Honga kaj Tutu antaŭenpaŝis.

„Ĉu vi estas kuraĝaj?“ demandis Kiua ilin.

„Jes,“ ili respondis.

„Ĉu vi estas fortaj?“

„Tiaj ni estas.“

„Ĉu vi estas rapidkurantoj?“

„Ni estas la plej rapidaj el la tuta gento.“

„Kiu estas la pli rapida de vi ambaŭ?“

„Mi,“ respondis Honga.

„Tre bone,“ diris la maljunulino, „vi du venu kun mi!“

Tiam ŝi kurigis ilin trans la montetojn al la bordo de la granda krutaĵo, super la kaverno de la hommanĝanta birdo, kaj returne.

Nu, ili ambaŭ jam estis aŭdintaj la rakontadon pri la terura birdo, kaj Honga timis, kaj liaj kruroj malfortiĝis, kaj tial Tutu venkis en la kurado kaj estis laŭte aplaŭdata de sia gento, kaj de Kiua kaj de ŝia beleta filino.

„Nu,“ diris la maljunulino al la estro, „konstruu tre fortan domon kaj kunuligu ĝin per salikaj kunligiloj, tiel ke neniu povus ĝin rompi! En unu flanko faru pordon sufiĉe larĝan por ke viro povu ĝin trapasi, kaj faru kelkajn fenestretojn, tra kiuj viaj bravuloj povos trapuŝi siajn lancojn!“

## Infanaj mireginduloj.

Christian Henry Heinecken, naskita en Lübeck en la jaro 1721, sendube tenas la plej antaŭan lokon inter infanaj mireginduloj. La rakonto pri ĉi tiu mensa fenomenulo estas tiel miriga, ke ĝi estas apenaŭ kredebla, kvankam ĝi estas subtenata de la plej fidinda atestaĵo.

En la aĝo de dek monatoj li flue parolis; je dekdu monatoj li povis reciti la plej gravajn partojn de la unuaj kvin libroj de la biblio. Post du pluaj monatoj li estis mastruminta la tutan historion de la Malnova kaj Nova Testamentoj; je du jaroj kaj duono li respondis al la ĉefaj demandoj pri geografio, kaj pri antikva kaj moderna historio; kaj antaŭ sia kvara jaro li parolis tre facile la latinan kaj grekan lingvojn. Li estis tiel delikata, ke oni demamigis lin nur kelkajn monatojn antaŭ lia morto. Li mortis en sia kvina jaro, kaj sur la mortlito li montris la plej grandan kuraĝon kaj rezignadon.

Mozart estis alia infana miregindulo. Antaŭ sia kvara jaro li povis ludi malgrandajn muzikaĵojn kun ĝusteco kaj gusto. En sia kvina jaro li komponis muzikaĵon tiel malfacilan, ke eĉ lia patro, sperta muzikisto, ne povis ĝin ludi. Li komponis sian unuan operon en sia dekdua jaro, sed pro la ĵaluzo de aliaj komponistoj, kvarcble aŭ kvinoble pli aĝaj ol li, ĝi aperis nur unufoje, ĝis antaŭ kelkaj jaroj, kiam oni ĝin aperigis en Wien, kie oni ĝin akceptis entuziasme.

La unua opero de Weber aperis, kiam li estis dekkvar-jara; en sia kvina jaro Meyerbeer povis mirinde ludi pianon, kaj — kiel Mozart, Eichhorn kaj Eybler — donis koncertojn, estante sesjara. Wesley povis ludi la orgenon, kiam li estis sesjara, kaj komponis marŝon en sia oka jaro. Ankaŭ Verdi estis klera infano. Li povis ludi kaj tre lerte komponi kun naŭ jaroj.

Mendelssohn unue ludis publike la pianon, estante naŭjara, kaj en la sekvinta jaro li komencis tre rapide komponi. Lia unua datita verko estas kantato komponita en lia deka jaro, kaj dum la sekvinta jaro li komponis pli ol sesdek muzikaĵojn, enhavantaj kantojn, kantatojn, kaj komponaĵojn por la piano, violono kaj orgeno.

Ne nur la muziko, sed ankaŭ la literaturo havas siajn infanojn-miraklojn.

Kiam Macauley estis sepjara, li komencis kompendion de universala historio, kaj en sia oka jaro li finis traktaĵon projektitan por konverti la indiĝenojn de Malabaro al kristanismo. Neniu el la du tamen estis presata.

William Henry Ireland produktis siajn bone konatajn Shakespeare'ajn falsaĵojn, kiuj longe trompadis la plej eminentajn klerulojn de la lando, kiam li estis nur deksepjara.

Browning estis skribinta jam tutan libron de poemoj, kiam li estis dekdujara; Milton verkis epopeajn poemojn antaŭ sia dekunua jaro; Alfred Tennyson verkis ĉarmajn lirikaĵojn, estante dekdujara; Bacon komencis siajn filozofiajn verkojn en sia deka jaro.

Je la aĝo de naŭ jaroj Dante verkis soneton al Beatrico, kaj Tasso verkis versojn, estante dekjara. Schiller estis dekkelkjara, kiam aperis la fama „Räuber", kaj Campbell ankoraŭ ne atingis la dudekan jaron, kiam li verkis la „Plezurojn de l' Espero".

Moore estis nur dektrijara, kiam li tradukis „Anakreon"; Mirabeau predikis, estante trijara, kaj verkis librojn, estante dekjara; dume Byron verkis pasioplenajn amversojn en sia deka jaro.

L. E. Thomas.

## El Scienco kaj Tekniko.

### Uzbekoj.

(Etnografia skizeto.)

Per tiu ĉi mallonga fragmenta verketo mi deziras almenaŭ iom konatigi la legantaron de Heroldo kun la vivo de unu el la mezaziaj popoloj, nome de la uzbeka. Tiu ĉi popolo, havanta interesplenan historion, nun liberiĝinte de cara kaj kana potenco, konstruas sian propran regnon de Laboro.

La uzbeka popolo apartenas al la turka raso kaj parolas lingvon formiĝintan el elementoj turkaj, iranaj kaj arabaj.

La ĉefaj okupoj de uzbekoj estas agrikulturo, kelkaj metioj kaj fabrikado de manufakturaĵoj, tapiŝoj, ledo, oleo. La urbanoj estas tre komercemaj. Ĉefaj objektoj de ilia komercado estas kotono, silko kaj sekigitaj fruktoj.

La sistemo de „arik"-oj (kanaloj), konstante liveranta akvon al tiu ĉi lando de sablo kaj suno, ebligas kulturadon de valoraj fruktarboj, rizo kaj kotono. Ankaŭ bone kreskas en tiuj ĉi lokoj akvomelonoj kaj famaj laŭ gusto melonoj, nomataj „buĥaraj". Estas kulturigata „kok-ĉaj" — verda teo, kiun tre ŝatas la uzbekoj. En ĉiu „kiŝlak" (vilaĝo), en ĉiu almenaŭ iom loĝata loko nepre ekzistas „ĉaj-hone", t. e. tetrinkejo, kiu ordinare lokiĝas en muro de ĝardeno eliĝanta per teraso en straton. Apud la teraso oni starigas unu aŭ du litojn, kovras ilin per felto, kaj la interna parto de „ĉaj-hone" estas preparita. La meblaron kompletigas granda samovaro, grandega argila kruĉo por akvo, enfosita en la tero, kaj unu-du „sandal"-oj.

„Sandal" (fajrujo) estas karakteriza por ĉiu uzbeka loĝejo. Ĝi prezentas malgrandan kvadratan kavon en planko, kies interna̧jo estas kovrita per brikoj. Tien oni metas brulantajn karbojn kaj super la kavo starigas tabureton, kiun oni kovras per litkovrilo. Dezirantoj ekvarmiĝi sidiĝas apud la tabureto kaj ŝovas la piedojn sub la kovrilon. Vintre la „sandal" ludas tre gravan rolon en la familia mastrumado, sed ankoraŭ pli gravan ĉe la disvastiĝo de diversaj malsanoj. Kuŝante por dormi, ĉiuj familianoj kuŝigas la kapon sub la saman kovrilon, kiu kovras la „sandal"-on, kaj en la „sandal"-on oni metas por la nokto brulantajn karbojn. Sekve de tio la dormantoj devas spiri karbfumon, krom la ordinara haladzo, akirante tiamaniere okul- kaj pulmmalsanojn.

La tuta interna konstrukcio kaj ornamo de uzbeka loĝejo estas tre primitiva kaj memorigas pri la famaj „jurt"-oj (tendoj) de baŝkiroj kaj kirgizoj. Tabloj kaj seĝoj forestas. Oni manĝas kaj trinkas rekte de sur la planko, de sur tapiŝoj kaj feltoj. Oni dormas ankaŭ sur la planko kaj sur la samaj tapiŝoj, uzante multajn kusenojn dismetitajn en la ĉambro.

La plimulto de la domoj tute ne havas fenestrojn en la apudstrataj muroj, kaj ĉiu domo dividiĝas je du partoj: vira kaj virina (lasta nomiĝas „iĉkari"). La virinoj ne rajtas montri sian vizaĝon antaŭ viroj (krom la edzo) kaj pro tio estas ĉiam kovritaj per „paranĝa"-reto, plektita el haroj de ĉevala vosto.

La lokaj indiĝenoj estas tre gastemaj kaj tre ŝatas regali siajn gastojn. La preparado de manĝaĵoj estas sufiĉe pura, sed la procedo de manĝado mem tute ne konformas al la elementaj postuloj de l' higieno. Antaŭ ĉio tre stranga estas la ordo de uzbeka menuo. Plej unue oni proponas diversajn dolĉaĵojn: fruktojn, migdalojn, bonbonojn, verdan teon ktp. Poste oni alportas el la virina loĝejoparto grandan pelvon da grasa „palaŭ"-rostaĵo, preparita el pecoj da viando, rizo kaj tranĉita karoto. Oni donas nek telerojn nek tranĉilojn nek forkojn, kaj la gastoj, sekvante la mastron, devas preni la manĝaĵon per la manoj. Okazas, ke gastema mastro estas tiom afabla, ke per sia mano, preninte la plej bongustan kaj grasan viandopecon, li mem ĝin ŝovas en la buŝon de l' gasto. Dum la manĝado, mastro kaj gastoj fumas unu saman komunan „kaljan"-on.

La paralela pureco kaj malpureco de uzbekoj estas kurioza. Ekzemple, oni nepre antaŭ la manĝo lavas la manojn, kaj ĉiusemajne oni vizitas ŝvitbanejon, sed post la manĝado oni viŝas buŝon kaj manojn per la faldoj de l' ĥalato kaj tre malofte ŝanĝas siajn ĉe-



La bela mondo: Malnova ponto el la romana epoko.
Tiu ĉi pitoreska ponto kondukas trans la riveron Narenta en Mostar, la ĉefurbo de la jugoslava provinco Hercegovino.

---

Kiam la kaptilo estis tiel farita, la du kurantoj estis forsendataj: Tutu por aliri la krutaĵan randon supre de l' kuŝejo de la monstro, kaj Honga je duona distanco.

Ili foriris nur promenante, konservante sian spiradon kaj forton por la fina penego. Ses bravuloj kun lancoj lokiĝis interne de la kaptilo, kaj la aliaj, kun la estro, ĉiuj tute armitaj, kaŝis sin meze de la filikoj.

Kiam la du bravuloj atingis la monteton, je duona distanco de la kaverno de l' monstro, Honga haltis.

„Se mi ĝin kaptos," diris Tutu, „ne rigardu returnen, Honga; sed kuru rekte al la kaptilo, por ke la monstro ne haltu por manĝi min, sed por ke ĝi penu kapti ankaŭ vin!"

Tiam Tutu, maltimega kaj forta, antaŭeniris sola, ĝis li atingis la krutaĵan randon supre de l' kaverno de la monstro. Ĉi tie li ekstaris kaj kriegis:

„Ha! Haŭ! Ho! Haja!"

„Ha!" diris la granda birdego, vekiĝinte el dormeto. „Tio fariĝos mia vespermanĝo. Mi iru ĝin kapti!"

Tuj kiam la granda kapo de la monstro eliĝis el la kaverno, Tutu ĉesis kriegi.

Komence la monstro rigardis tien kaj reen laŭlonge de la marbordo; sed, nenion vidinte, ĝi suprenrigardis kaj tuj komencis suprengrimpi la krutaĵon. Tutu forkuris.

Estis kurkonkurso inter la monstro kaj la viro; sed la viro havis bonan komencon, kaj la monstro, tro manĝinte, kuris peze. La birdego jam atingis la randon de la lasta altaĵo; ĝi vidis sian vespermanĝon forkuranta. Jen ĝi etendis siajn flugilojn kaj ekflugis por kapti sian viktimon. Preskaŭ ĝi prenis Tutu'on per la bekego, kiam ĉi tiu bonega kuranto kapantaŭe enkuris la kaptilon.

Rapidegante, la birdo enigis la kapon en la truon, tra kiu ĝi vidis sian ĉasaĵon malaperi; sed ĝi tute haltiĝis, ĉar la enirejo estis tro mallarĝa por enirigi ĝian korpon. Ĝi piedbatis kaj baraktis kaj penegis atingi Tutu'on, sed la aliaj homoj en la kaptilo etendis la manojn tra la fenestretoj kaj enpuŝis siajn lancojn en la ventron de la monstro. Kaj Tutu, ekpreninte pezan duflankan armilon konstruitan el malcedema ligno, fortege frapis ĝian kapon, kaj ankaŭ la kaŝintoj inter la filikoj elsaltis kaj enpuŝis grandajn lancojn en ĝian korpon.

Tiel mortis la hommanĝanta birdo.

Kiam ili distranĉis ĝian korpon, ili trovis en ĝia grandega kropo la jadajn*) ornamaĵojn, kiujn estis portintaj la gentanoj, formanĝitaj de la monstro.

„Ĉiuj-ĉi ornamaĵoj," diris Jado, „apartenas al vi, Kiua. Ili estas viaj!"

„Havigu al mi tri korbojn!" diris la maljunulino. Tiam ŝi disigis la ornamaĵojn je tri aroj kaj enmetis ilin en la tri korbojn. „Tio," ŝi diris, levante unu korbon, „estas por vi, Jado, ĉar estas vi, kiu savis la restaĵon de mia gento."

Levante la duan korbon, ŝi diris: „Jen por vi, Honga! Vi estas vera bravulo kaj rapida kuranto!"

„Kaj tio ĉi," ŝi diris, levante la lastan korbon, „estas por Harorangi, ĉar ŝi estas la lasta el miaj propruloj. Mi estas maljuna, sed ŝi estas juna. Ŝi daŭrigos mian familion, kaj al ŝi apartenas tiuj ĉi ornamaĵoj de ŝia gento."

„Sed Tutu?" demandis la estro. „Estis li, kiu aliris la krutaĵan randon kaj vekis la timegindan monstron en ĝia kuŝejo. Li estas la plej rapida kuranto kaj la plej kuraĝa viro en la gento. Kie estas lia premio?"

„Mi ne forgesis lin," diris Kiua. „Mi havas ion por li. Alvenu, Harorangi!"

La knabino aliris al la patrino.

„Tutu, vi estas la plej kuraĝa el ĉiuj!" diris la maljunulino. „Mi donas al vi mian filinon. Prenu ŝin, ŝi estas via edzino!"

*) Jado estas peza malmolega verda ŝtono trovata en la suda insulo de Nova Zelando. Ĝi estis tre ŝatata de la antikvaj maorioj, kiuj el ĝi faris batalilojn kaj ornamaĵojn.

## Anekdotoj.

Rakontitaj de D-ro Schw.

Voltaire havis ĉe vespera interparolado najbaron, kiu siajn vortojn, kiuj distingiĝis nek per originaleco nek per bongusto, ĉiam akompanis per premo sur la brakon de Voltaire.

„Forprenu do, mi petas, vian manon de mia brako!" fine diris Voltaire senpacience.

„Jes, tre volonte," respondis la alia embarasite, „sed mi tiel proksime sidas unu apud la alia, ke efektive mi ne scias, kien mi devas meti mian manon."

„Metu ĝin antaŭ la buŝon!" estis la respondo.

---

En iu universitata urbo iam estis prezentata la dramo: „La natura filino" de Goethe. Post la dua akto, studento sin turnis al maljuneta apud li sidanta sinjoro demandante: „Pardonu, ĉu tiu ĉi teatraĵo ne estas de Vulpius?" (Vulpius estis la malbonfama verkisto de: „Rinaldo Rinaldini".)

La maljuneta najbaro respondis: „Ne, la teatraĵo estas de Goethe."

Post la tria akto demandas la studento: „Ĉu vi certe scias, ke la dramo ne estas de Vulpius?" — „Jes," diris la najbaro, „la dramo estas de Goethe."

Post la kvara akto diris la studento: „Mi tamen kredas, ke la teatraĵo estas de Vulpius." — „De Goethe!" estis la mallonga respondo de la najbaro.

Ĉe la fino de la prezentado asertas la studento: „Vi diru, kion ajn vi volas, la dramo estas de Vulpius." — Tiam levas sin la bela kaj granda najbaro kaj diras kun flamanta okulo: „La teatraĵo estas de Goethe, kaj mi mem estas Goethe!" — „Mi tre ĝojas," respondis la studento, „mia nomo estas Miller."

---

Profesoro venas dum pluvo hejmen sen pluvombrelo. Lia edzino demandas: „Kie estas via pluvombrelo?" — „Tiun ĉi mi lasis stari ie," respondis la profesoro, „sed kie? mi ne scias. Mi rimarkis tion tro malfrue; ĉar kiam ĉesis pluvi, mi volis kunfaldi la pluvombrelon, sed mi ne plu havis ĝin."

mizojn. La malriĉuloj, ordinare, portas vestaĵojn, ĝis ili tute ĉifoniĝas. Kiel rezulto de tio estas disvastigitaj multaj haŭtmalsanoj.

Originale aspektas indiĝenaj urboj. Iliaj stratoj estas tre mallarĝaj, malpuretaj, kaj strangan impreson donas la konstruaĵoj senfenestraj kun plataj tegmentoj. Nek trotuarojn nek pavimon oni vidas. La plimulto de l' stratoj estas ŝirmitaj kontraŭ la netolereblaj radioj de la bruliga suno kaj tial sufiĉe mallumaj. Ilin plenigas multaj trairantoj diverskolore vestitaj, preterpasas gravmienaj kameloj, knaras per radoj grandegaj „arba"-oj (ĉaroj). Multaj diversaj vendejoj lokiĝas sur ambaŭ flankoj de la stratoj. Ĉi tie oni ankaŭ vidas metiejojn de kupristoj, jungaĵistoj, forĝistoj ktp. Ĉio estas malkovrita kaj estas preskaŭ sur la strato mem. Dumnokte oni fermas siajn butikojn per lignaj kradaj pordoj kaj mem kuŝiĝas tie sur felto metita sur la plankon.

Nun po-iome la malnova moraro de la uzbeka popolo komencas disfali, kaj ĝian lokon okupas nova plikulturo, sed tiu procedo estas tre malrapida, kaj la plej malproksimaj partoj de la lando restas preskaŭ netuŝitaj. Mezaziano.

**Telefotografado apartenas al la ĉiutaga vivo en Usono.**

La 6-an de oktobro, la Esperanto-Klubo de Los Angeles sendis fotogramon al la kunveno de la Esperanto-Asocio de Kalifornio kunvenanta en San Francisco. La Prezidanto simple skribis per nigra desegna inko per sia propra mano salutojn sur telegraman paperon. Post unu horo akurata fotografa kopio estis ricevata de la 800 km pli norde kongresantaj samideanoj.

Jam nun oni povas sendi tian fotogramon tra la tuta Usono je tre malalta prezo. La kosto estas nur 50% pli alta ol per ordinara telegramo. Multaj personoj tre ŝatas scii, ke ne ordinara, maŝine skribata, tro komerce aspektanta telegramo estos ricevata, sed tre private aspektanta, akurata fotografaĵo de la manskribata letero kaj subskribo.

Mi kredas ke Usono estas la unua lando (aŭ unu el la unuaj) kiu ebligas al ordinaraj homoj je malalta prezo eluzi tian mirindan elpensaĵon kiel la televidon kaj telefotografadon.

Joseph R. Scherer, Los Angeles, Kalif.

Rim. de Red. — Ni volas atentigi, ke unu el la atrakcioj de la ĵus fermita Internacia Gazetara Ekspozicio („Pressa") en Köln estis telefotografa oficejo, kiu estis disponebla por servoj al la publiko; ĝi funkciis inter Köln kaj Berlin. Sed ĝenerale en la tuta lando la telefotografado ankoraŭ ne estas enkondukita.

# Diversaĵoj.

**Landinsulo.**

Kiel insulo de la maro, tiel la hispana urbeto Llivia en la pireneoj, ĉ. 100 kilometrojn for de la Mediteraneo, estas ĉirkaŭata de franca teritorio. La interligon kun Hispanujo formas neŭtrala vojo, ĉ. 1½ km. longa, kiu kondukas tra la franca teritorio kaj kiu ekzistas nur por la loĝantoj de Llivia, por ebligi al ili la sendoganan interkomunikon kun la patrolando. La urbeto troviĝas de la jaro 1659 en tiu ĉi situacio. Lastatempe oni parolas pri tio, ke Hispanujo ĝin cedu al Francujo por aliloka ekvivalento. Sed estas dube, ĉu la loĝantoj de Llivia konsentas al tia ŝanĝo, ĉar per tio ili devus ankaŭ ŝanĝi sian ĝisnunan vivmanieron. En kompleta izoleco ili vivas ankoraŭ kiel en la mezepoko. Ilian vivon subtenas iliaj brutoj kaj iliaj malgrandaj monteĝardenoj, kaj en la tuta urbeto ekzistas nur unu malgranda magazeno, kiu liveras komercaĵojn al la loĝantoj. Ekzistas nek teatro, nek kinejo, nek gazeto, nek dancejo, mallonge — neniu, kion la moderna civilizacio donacas eĉ al malgrandaj urboj. Ilia lingvo estas kataluna dialekto. Llivia fariĝis en la jaro 1659 viktimo de eraro, kiam inter Hispanujo kaj Francujo estis subsignata la Pirenea kontrakto. Certe, en tiu tempo la kontraktantoj ne bone konis la geografian karton.

**Tammany Hall.**

Unu el la plej konataj kaj malbonfamaj politikaj organizaĵoj de Usono estas „Tammany Hall" en Novjorko. La nomo „Tammany Hall" origine devenas de konstruaĵo, kiun ĝiaj konstruintoj nomis tiel laŭ la nomo de maljuna indiana ĉefulo, kaj sekvante tiun ĉi kutimon la suborganizaĵoj same portas la nomojn de indianaj ĉefuloj. Tammany Hall staris en la 14-a strato. Ĝia fundamenta ŝtono estis metita la 4-an de julio 1867. Nun la konstruaĵo estas malkonstruita por fari lokon al nova. Ĉe la malkonstruado oni trovis la fundamentan ŝtonon, kiu enhavis gazetojn, monerojn, leterojn kaj dagerotipion de William H. Tweed, kiu ludis influriĉan rolon en la internpolitika historio de Usono kiel ĉefa ĉefulo de politika korupcio. Estas strange, ke en la fundamenta ŝtono troviĝis ankaŭ ĉina skribaĵo, kies signifon oni ne scias.

**Tragiko.**

Tra la gazetaro iras sciigo, kiu pruvas, kiom kaprica ofte estas Fortuno. En Wien vivis agento kun nomo Böhm en mizeraj cirkonstancoj, kaj li decidis, kiel multaj aliaj mizeruloj jam antaŭ li, fari perfortan finon. Iam li vidis pli bonajn tagojn kaj, kvankam kiel unu el la multaj viktimoj de la malbona konjunkturo li forlasis la vivon libervole, li tamen volis morti kun pura konscienco. Sed ĉar li posedis nenian kapitalon sed nur multajn ŝuldojn, li destinis testamente, ke lia sola propraĵo — okona loto de la aŭstra klasa loterio, transiru en la posedon de liaj kreditoroj. Dekunu tagojn post lia morto lia loto estis tirata kun gajno de 70 000 ŝilingoj.

**Ne ĉiuj inventaĵoj sukcesas:**
**La fino de la Flettner-rotorŝipo.**

Ni vivas en la tempo de l' inventoj kaj de la tekniko. Tamen ne ĉiuj inventaĵoj sukcesas. Malbonan sukceson havis la rotorŝipo de la germana inventisto Flettner, pri kiu antaŭ kelkaj jaroj oni povis legi en ĉiuj gazetoj de la mondo. Tiu ĉi ŝipo povis atingi multe pli grandan rapidecon ol la velŝipoj, kvankam ankaŭ ĝi estis movigata de la vento; sed anstataŭ veloj ĝi portis du grandajn rotorojn, aspektantajn kiel grandaj kamentuboj. La rotoroj ekkaptis la venton kaj gajnis per tio energion. Nun oni legis, ke la rotorŝipo „Baden-Baden" (la plifrua „Buckau") post multaj sensukcesaj traktadoj estas vendita al Ameriko. Aĉetis ĝin la „Cape Navigation Corporation", kiu faris la kondiĉon, ke . . . unue estas malmuntotaj la rotoroj.

**Vivosavo per radiosignalo.**
**Mirinda kuraco de serpentmordo sur maro.**

Per la ŝipo „Berengaria" el Novjorko alvenis en Francujo juna usona kuracisto, kies vivon oni povis savi nur per la radio-telegrafa interligo kun la kontinento. Dum la transveturo li estis mordita de ekstreme venena serpento, destinita por scienca laborejo en Vieno. Post malmultaj minutoj ŝveliĝis lia brako. Malgraŭ la tuja kuracado per la ŝipkuracisto, la koro malfortiĝis. Jen oni trovis la ideon, per radiotelegrafo demandi Profesoron Dittmann en Novjorko, faman specialiston por serpenta venenigo. Jam post sep minutoj oni sciis la necesajn kuracistajn ordonojn, kaj do la mordito povis forlasi la „Bengaria'n" preskaŭ tute resanigita.

**Leopardo kontraŭ enrompuloj.**

(El „München-Augsburger Abendzeitung".)

Du enrompuloj intencis prirabi la palacon de la raĝo („Rajah") de Jaipur. Ili sukcesis, ŝteliri en la palacon kaj amikiĝi kun la gardistoj. Dum festeno ili regalis la gardistojn per manĝaĵoj kun opio. La vojo al la trezorejo estis do libera. Kiam la rabistoj peze ŝarĝitaj forlasis la trezorejon, staris antaŭ la enirejo leopardo, kiu sin ĵetegis sur unu el la krimuloj dsŝirante lin. La alia ŝtelisto rampis en iun angulon kaj tenis kontraŭ la sovaĝa besto sian kovreblan lanternon. Tiel kaŭris la rabisto dum la tuta nokto, bridante la beston per la blindiga lumo. Matene, kiam la novaj gardistoj venis kaj liberigis la enrompulon el lia situacio, li similis pli mortinton ol vivanton. La raĝo, al kiu oni komunikis la okazintaĵon, lasis forkuri la enrompulon, ĉar tiu estis laŭ la opinio de l' saĝa, hinda princo sufiĉe punita pro sia krimo.

Trad. Maria Schöttl.

**Humoro.**

Ŝi: Ĉu vi iam spertis fervojan akcidenton?

Li: Jes, unufoje. Trapasante tunelon, mi kisis la patron anstataŭ la filinon.

(J. C.)

**Inter amikinoj.**

— Kial jam ne volas edziniĝi vin Jimmy? Ĉu vi ne parolis al li pri via riĉa onklino?

— Jes, mi parolis pri ŝi.

— Kaj ĉu tio ne efikis?

— Jes, ĝi certe efikis, ĉar li edziniĝis mian onklinon.

(L. Rereips.)

**Ĉe maskofesto.**

— La longegulo jen jam denove venas al mi. Tiu ĉi homo fariĝas al mi ĝena. Kiel mi plej bone liberiĝu de li?

Amikino: Senmaskigu vin!

(A. B-k.)



# Enigma konkurso.

**Solvoj de la enigmoj en n-ro 8/9.**

**1. Silab-enigmo.**

1. FlOro, 2. LaTuno, 3. OrNitologio, 4. RiAlto, 5. UlRiko, 6. KrEmlo, 7. AlPoj, 8. JeSuo, 9. KvErko, 10. RiO de Janeiro, 11. EkVilibro, 12. SaGo, 13. KaNario, 14. UnIversitato, 15. NuLo, 16. ItAlujo, 17. ApRo, 18. KlArneto. — Floru kaj kresku nia kara lingvo Esperanto!

**2. Aritmetika enigmo.**

La viro naskiĝis en la jaro 1895.
Li estas nun 33-jara.
Lia edzino estas 23-jara.
Ŝia patrino estas 46-jara.

**3. Aldon-enigmo.**

Barbaro, Unu, Ligi, Gamo, Asocio, Rano, Ami, Elasta, Sabato, Parto, Ebono, Rodo, Afiŝo, Nulo, Takso, Odo, Afero, Svarmo, Ozono, Cetera, Ial, Omaro. — Bulgara Esperanto Asocio. (Alia ebla solvo: Germana Esperanto Asocio.)

La enigmojn el n-ro 8/9 solvis:

Solvis 3 enigmojn: Arger, Baird, Bayhofer, Bonnevie, Bräuer, Charon, Della Savia, Dittrich, Duringer, Dutschmann, Ellerbeck, Fischer, Friess, Gensch, Gurányi, Hammermeister, Homann, Hoschtalek, Hüsgen, Indra, Jeremies, Kayser, Kimmel, Kolodziej, Kösters, Krämer, Kuba, Möbusz, Neuchâtel (Esp.-grupo), Neuzil, Rambousek, Savicki, Schiebl, Schöttl, Sommer, Stein, Strausz, Ŝirjaev, Viŝnjakov, Weleminsky, Wicke, Wipplinger.

Solvis 2 enigmojn: Baboss, Petrova, Reinhart, Tassy, Vlcková.

Solvis unu enigmojn: Bulvyĉius, Jandlová, Masudo-Takeo.

Enigmojn el n-ro 7 solvis ankoraŭ (2 enigmojn): Schöttl.

**K. B. en B.** Dankon pro karto; sed ne skribu aliajn komunikojn kune kun enigmoj! Respond-kuponojn vendas UEA po 0.30, 0.50 kaj 1.— sv. fk. (Adreso: Universala Esperanto-Asocio, 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svisl.)

**A. K. en W.** Dankon pro Aldona enigmo; sed preskaŭ ni ĝin ne trovis — prefere ne skribu ion alian sur saman karton, kiu enhavas la solvojn.

**Dr. W. en Ch.** Dankon pro atentigo ke „laguno" estas ne „speco de insulo" sed „malprofundaĵo proksime de insulo"!

**Z. G. en B.** Ne, vi ne havis alian eraron. ELA = Esp. Literatura Asocio.

**M. Sch. en R.** Vian solvon ni registris sub „N." (= nekonata), ĉar vi ne notis vian nomon sur la folio enhavanta la solvojn. Legu nian rimarkon pri tio en la aŭg.-sept. numero!

**La rezultato de la nunjara Enigma Konkurso.**

La rezultato de la Konkurso montras, ke 15 partoprenintoj solvis ĉiujn 24 enigmojn; 10 solvis 23 enigmojn; 6 solvis 22 enigmojn; la ceteraj solvis malpli.

Ni do lotumis la 6 premiojn; ilin ricevos: Bräuer, Dittrich, Dutschmann, Hammermeister, Kösters kaj Stein. — Ili rajtas elekti librojn je valoro de RM 5.— el la propra eldonejo de „Heroldo" (Libro-Katalogo de okt. 1928, pĝ. 1—3). — Krom tio ni decidis premii la ceterajn 9 solvintojn de ĉiuj enigmoj per la dua serio de „Ilustrita Biblioteko" sub titolo: „La Maro", post ĝia apero. La premiitoj estas: Duringer, Ellerbeck, Fischer, Gensch, Homann, Jeremies, Möbusz, Esp.-grupo Neuchâtel, Strausz.

La solvintojn de 20—23 enigmoj ni premios per po unu volumeto el la dua serio de „Ilustrita Biblioteko". Ili estas: (23 enigmoj:) Baird, Charon, Della Savia, Gurányi, Indra, Krämer, Schiebl, Schöttl, Sommer, Ŝirjaev; (22 enigmoj:) Hoschtalek, Kimmel, Reinhart, Weleminsky, Wicke, Wipplinger; (21 enigmoj:) Arger, Kolodziej, Rambousek; (20 enigmoj:) Bonnevie, Kayser.

Nova Enigma Konkurso komenciĝos en la unua numero de la jaro 1929. Ni esperas, ke en la nova jaro la partoprenos estos same vigla kiel en la nuna.